

# Korespondoficejo

adreso: K. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

**Adresoj de lernejoj:**

Fino Nora R. Sheppard, 118 Oah Tree Lane, Selly Oak, Birmingham (Anglujo) (11—18 jaraj knabinoj).
Prof. Miecz. Sygnarski, Bydgoszcz Kordeckiego 23, (Polujo) (gymnazianoj).
Sro. J. Drees, Leimuidenstr. 50I, Amsterdam W. (Nederlando).
Sro. E. J. v. d. Voort, Beemsterstr. 16, Amsterdam N. (Nederlando).
Sro. Van der Beijlaard, Pirolastr. 1, Amsterdam N. (Nederlando).
Bilderdijkschool, Potgieterstr. 38, Amsterdam W. (Nederlando).
Sro. C. P. de Nies, v. d. Hoopstr. 125I, Amsterdam W. (Nederlando).
Sro. J. Richard, Oostzaanstr, 64III, Amsterdam C. (Nederlando).
Sro. A. Boon, Julianastr. 18, Lekkerkerk (Nederlando) (14—16 jaraj geknaboj)
Sro. Radaslavov, Zlatarica, Bulgarujo, 14—16 jaroj geknaboj.

**Geinstruistoj.**

Mad. Aubinand, 4 Canton des Forges, St. Jean d' Angely Charente-Inf. Francujo, (P.M.)
Sro. R. Deshays, 30 Av. Balajat, Beauchêne-Mazarques Marseille (Francujo) (Muziko-Psikologio, moroj).
Sro. François Mounier, St. Hilaire du Touvet, Isere, Francujo.
Prof. Sn. George, Instruista Seminario. Besançon (Doubs) Francujo.
Sro. Keiĝi Takignto, Dai 4 Kotogakko-kanazaŭa, Nippon (Japan).
Sro. G. Wagenaar, Djambistr. 5h, Amsterdam, Nederlando.
Sro. Joh. Kamps, Vlasstr. 23, Groningen, Nederlando, (kun Turkujo aŭ Egiptujo).

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

17-a jaro (Numero 2) 1938.

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.)
**Prezidanto de TAGE:**
**Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
**W. H. MOOK.** Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).
Kasisto: **A. VAN HAGE.** Zuidwending. **Veendam** (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

## Kara kolegaro tutmonda!

Estas fakto, ke malmulton oni scias pri malgrandaj ŝtatoj, nacioj kaj iliaj aspiroj. I.P.R. klopodas iomete malgrandiĝi ĉi tiun mankon (aŭ maljuston). Hodiaŭ ĝi prezentas al vi malgrandan nordan landon: Estonion kaj ĝian laboreman popolon. Vi povas konatiĝi kun kultura vivo de tiu ĉi popolo kaj konvinkiĝos, kiel grandega estas la kleriga laboro, farita dum nur 20 jaroj de la sendependeco.

La komencita 1938-a jaro estas grava por estonoj, kvazaŭ mejloŝtono. En la unua jartago oni ricevis novan demokratian statuton, en la 24-a de februaro solene oni festis la ŝtatan 20-jaran jubileon. Do je la memoro de la Estona jubilea jaro estu dediĉita tiu ĉi numero de I.P.R.

Karaj gekolegoj tutmondaj, bonvolu afable akcepti ĉi tiun numeron. Kompreneble la spaco de revuo ne kapablas doni sufiĉan rondan scion pri ĉio. Sed mi esperas, ke tamen estas ĵetita la semo por ĝusta interkompreno kaj instigo al pluaj interrilatoj kun estonaj gekolegoj. Tiun ĉi ja ankaŭ celas niaj ŝatataj T.A.G.E. kaj I.P.R.

Fine mi dankas ĉiujn estimatajn kunlaborantojn kaj subtenantojn de tiu ĉi numero, speciale la organizaĵojn: „Estona Geinstruista Asocio" kaj „Asocio de Libervola Popolklerigo en Estonio".

AIN VAHURI.
Reprezentanto de T.A.G.E.

**T.A.G.E. atentigas, okaze de apero de ĉi tiu estona numero, ke ĝi povos havigi serion de 10—12 fotokartojn pri Estonujo, dorsflanke kun esperantlingva klariga teksto Petu pri nia bildkartservo, informojn al la peranto: S-ro. J. Hogenkamp. Lernejestro, 2e Exloërmond, (Nederlando). Enmetu respondkuponon por respondo.**

---

## Geografiaj kaj historiaj trajtoj de Estonio.

La geografio.

Estanio situas sur la orienta marbordo de la Balta maro kaj enhavas pli ol 800 najbarajjn insulojn. Ŝi havas areon de pli ol 47.500 kv. km. superante do Danujon, Svisujon, Nederlandon kaj Belglandon. Komunajn landlimojn ĝi havas oriente kun U.S.S.R. kaj sude kun Latvujo Vizitindaj estas en Estonio ĝiaj historiaj hansa-urboj kun malnovaj urbopartoj, modernaj ban-kaj kuraclokoj kaj ĝia originala norda peizaĝo kun belaj arbaroj kaj altaj marbordoj.

La loĝantaro de la respublika sumiĝas je 1.126.413 personoj (1934).

Rilate al nacieco 88,2 % da loĝantaro estas estonoj, 8,3 % rusoj kaj 1,6 % germanoj. 60 % de la loĝantaro okupas sin per terkulturo. Plej granda urbo estas la ĉefurbo Tallinn kun pli ol 140000 loĝantoj.

La historio.

Estonoj eklogis en sian landon komence de la kristana ero kaj apartenas al la okcidenta branĉo de la Finna-Ugra familio. Iliaj parencaj nacioj estas finnoj kaj hungaroj (madjaroj). Dum pli ol mil jaroj estonoj vivis pace en siaj komunumoj, regate de ĉefuloj. En la jaro 1208 kontraŭ ĉi tiu popolo estis entreprenita krucmilito de Germanaj Glavkavaliroj kiuj kun helpo de la Dana reĝo Valdemaro II subigis la landon post longaj kaj sangaj militoj (1227). Germana Ordeno regis la landon ĝis 1561. Tiam Ivano la Terura detruis ĝin. Sekvis tempoj plenaj de malordo kaj mizero, dume la landon invadis rusoj, danoj, poloj, kaj svedoj, ĝis kiam per Altmarka packontrakto (1629) ĝi apartenis al Svedujo.

Rezulte de la Norda Milito, Estonio fariĝis post la jaro 1710 provinco de Ruslando. La privilegioj de la nobelaro kaj la rajto de absoluta jurisdikcio pri la kamparanoj, estis konfirmitaj de la rusaj potenchavantoj. Nur en la jaro 1804 estonoj ricevis la rajton de privata




monumento je memoro de instruistoj kaj lernantoj, batalmortintaj en la Liberiga Milito.

posedaĵo kaj heredo, sed vendo de senteraj laboristoj kaj servistoj estis tamen permesita. Fine en la jaro 1816 la nobelaro liberigis la kamparanojn sed nedonante al ili teron. La XIX jarcento estis por estonoj nur senespera batalado por siaj ekzisto kaj ekonomiaj rajtoj. Tiu daŭris ĝis la revolucio en la jaro 1917, kiam foriĝis Rusa Imperio. La Estonia Landkunveno elektita per universala voĉdonado, deklaris sian superan potencon kaj la 24 de februaro 1918 estis proklamita la sendependeco de Estonio.

Sed la pokalo de suferoj por estona popolo ne estis ankoraŭ plena. Nur unu tagon povis ĝui ĝi la liberecon, kaj nun germanaj armeoj marŝis en la landon kaj sekvis ilia subprema okupado. Feliĉe ĉi tiu maljusteco daŭris nur malpli ol unu jaron. Revolucio en Germanio finis Germanan Imperion kaj Estonio liberiĝis de ĝiaj okupaciaj armeoj. Sed nun, la lando malplenigita je armiloj kaj nutraĵo, estis malfermita por invado de rusaj bolŝevistaj trupoj. Sekvis la Milito de Sendependeco, kiu daŭris 13 monatojn, dume estonoj montris sian mirindan heroecon batalante kantraŭ multoble pli granda armeo. Venkis la juna armeo kaj la lando estis tute liberigita, tiel ke la 2ade febr. 1920 oni povis kun rusoj subskribi la packontrakton en Tartu. Sekvis al la juna ŝtato la agnoskoj de aliaj ŝtatoj kaj en la jaro 1921 Estonio fariĝis membro de la Ligo de Nacioj.

Nun sekvis febra rekonstrua laboro de la lando, kiu daŭras kun plena intenseco ankaŭ nun.

AIN VAHURI.

---

# Popollernejo en Estonio.

Joh. Käis.
Scienca sekretario de E. Geinstruista Asocio.

**Pri kreado de estona popollernejo.** La formado de estona popollernejo komenciĝis tuj post la detruiĝo de rusa cara reĝimo dum la revolucio (1917), do jam antaŭ la deklaro de la ŝtata sendependeco. La plej unua kaj grava tasko estis la formado de gepatralingva lernejo kaj ties liberigo de la rusigaj kaj germanigaj influoj. Oni devis plej rapide ellabori novajn instruprogramojn, havigi estonlingvan lernejliteraturon, sed ankaŭ klarigi al pli vastaj popolamasoj la gravecon de nacilingva lernejo.

En februaro 1918 germanaj armeoj okupadis Estonion. La okupantaj potenculoj ĉesigis la agadon de ĉiuj aŭtonomiaj institucioj kaj senkaŝe ekgermanigis la lernejojn. Feliĉe daŭris la okupada tempo nur 9 monatojn.

Kiam post la fino de la germana okupado jam ekfunkciis admi-

nistracioj de la sendependa Estonio, tiam ankaŭ oni ekformadis la estonan lernejsistemon. Oni havis nenion heredi de rustempa lernejo; ĝin oni devis forigi kune kun ĝiaj malmodernaj tradicioj. Kiel bazon de la estona lernejsistemo oni deklaris la unueclernejon, kies ĉefa parto devas esti komuna, deviga, senpaga kaj nacilingva elementlernejo por ĉiuj civitanoj. Ek de tiu ĉi tempo fariĝis la elementlernejo la vera popollernejo de la demokrata ŝtato.

**La efektivigo de la deviga instruado.** Ne estas nura hazardo ke ĉe la fondiĝo de la memstara ŝtata vivo estis la unua kaj ĉefa leĝo, la leĝo de publikaj elementlernejoj. La aranĝo de kultura vivo havas por malgranda popolo tre gravan signifon. Tiu ĉi leĝo, deklarita de Konstituantaro la 7 de majo 1920, estas pli poste (1931 —1934.) en kelkaj punktoj ŝanĝitaj, sed tamen restis ĝia esenco — la unuon gradon de la unueclernejo formas la sesklasa deviga nacilingva lernejo.



moderna kampara elementa lernejo.

La templimo por plena realigo de tiu ĉi leĝo estis la jaro 1930, sed multaj komunumoj kaj urboj realigis la sesklasan elementlernejon jam pli frue.

Laŭ la leĝo de la jaro 1920 apartenis al la deviga instruado la infanoj de la 7 gis 16 vivojaro, sed post la sesjara elementlernejo estis antaŭvidita deviga 2 jara kompletiga lernejo al la gejunuloj, kiuj ne daŭrigis lernadon en meza aŭ speciala lernejo. Tiuj normoj estis ne dubendaj en la tempo, kiam liberiĝinta popolo en sia ŝtato

starigis al si altajn kulturajn idealojn; sed ĉe realigo de ili ekonomiaj malfacilaĵoj evidentiĝis pli grandaj ol oni supozis. Kaŭze de cirkonstancoj oni ŝanĝis en la jaro 1931. la leĝon de la elementlernejoj tiel, ke la komencon de la instrudevo oni plialtigis al 8a vivojaro, kaj la maksimuman aĝlimon oni malaltigis de 16a vivojaro al 15a, kaj en la jaro 1934. eĉ al 14a vivojaro.

**Lerneja reto kaj nombro de gelernantoj.** En Estonio funkcias en la jaro 1937/38. 1210 publikaj kaj 17 privataj elementaj lernejoj, sume kun 105.600 gelernantoj (t.e. 9,4% de la estona loĝantaro). Po ĉiuj 680 loĝantoj en la kamparo ekzistas 1 elementa lernejo, havanta regionon meze kun 3.5 kma. radio. 50% de la lernantaro loĝas pli malproksime ol 2,5 km. de lernejo. Ĉe unuopaj okazoj la distanco altiĝas ĝis 10 km. Por la lernantoj, kies lernejvojo superas 3 km., devas esti ĉe la lernejo, internato.

Laŭ la leĝo de elementlernejoj en unu „klaskomplekto" *) estas minimume 20 kaj maksimume 50 lernantoj (klaskomplekto kun 3 aŭ 4 klasoj-40). Do la plimulto de la klasoj estas kunigitaj: nur 34% (en la kamparo 19,5% de ili funkcias kun unusola instrujaro. Kunigitaj klasoj kun 3 aŭ 4 lernejjaroj ekzistas 27,5%.

La elementlernejoj plimulte estas geknabaj, nur en pli grandaj urboj funkcias apartaj lernejoj, por knaboj kaj knabinoj.

**Lernejaj domoj.** La plej grandaj malfacilaĵoj ĉe efektivigo de la deviga instruado estis la konstruado kaj la renovigo de lernejoj, sed por la havigo de novaj lernejaj domoj oni laboris energie kaj kun grandaj strečadoj.

Ĉar la konstruelspezoj ofte superis la kapablon de prizorgantoj de lernejoj (plejparte ĉe kamparaj komunumoj) la ŝtato donas al ili por la konstruo de novaj kaj ĝisfunda reordigo de malnovaj lernejdomoj el koncerna fondaĵo longtempan (ĝis 50 jaran) kaj malaltprocentan prunton (ĝis 75% de konstrubudĝeto. Ĝis nuna tempo oni konstruis kaj aranĝis ĉirkaŭ 500 novajn lernejajn domojn kaj por tio oni pruntedonis pli ol 5 milionoj da kronoj **).

La normalaj postuloj ĉe konstruado de la novaj domoj estas ellaboritaj kaj fiksitaj de Klerministerio. La projektojn de la konstruotaj lernejoj trarigardas speciala komisiono.

Samtempe kun la konstruado de novaj domoj oni ankaŭ prizorgas instaladi ilin, sed en pluraj lernejoj mankas ankoraŭ pli konvena lernejmeblaro. Por la plena aranĝado de ĉiuj elementlernejaj konstruaĵoj estas nun ellaborita certa plano, realigota dum la proksimaj 10-15 jaroj.

---

*) Klaskomplekto estas 1-4 klasoj, laborantaj samtempe en unu ejo sub la gvidado de unu instruisto.

**) 1 krono = 0,27 dolaroj.



Estinto kaj estanto: maldekstre rustempa, dekstre nuntempa lernejo.

**Instruilaroj.** Instruilaroj kaj bibliotekoj de elementlernejoj estis en la unuaj jaroj de la sendependeco tute nekontentigaj. Klerministerio ripete postulis de lernejprizorgantoj, ke illi havigu ĉiujn necesajn instruilojn kaj por tio estas donita al ili nomaroj. Ĉi-jare (1938) ĉiuj elementlernejoj devas jam havi normalan instruilaron. La mankon oni klopodis forigi ankaŭ per tio, ke en instruistojn antaŭpreparantaj institucioj kaj en specialaj kursoj tre sukcese oni instruis la teknikon je preparado de instruiloj.

Ankaŭ la bibliotekoj de elementlernejoj perfektiĝis en la lastaj, jaroj, sed ne ĉie estas ankoraŭ la stato kontentiga. Por la havigo de instruiloj kaj perfektigado de bibliotekoj, la lernejoj elspezas ĉirkaŭ po 2,5% de sia budĝeto.

Ankaŭ fondado de lernejaj ĝardenoj prosperas atentinde.

**Elspezoj de elementaj lernejoj.** Elspezoj por prizorgado de publikaj elementlernejoj estas donataj de la ŝtato kaj komunumoj. La ŝtato pagas salarojn de la instruistaro-kampare 90%, en urboj 76%; ceterajn elspezojn donas la komunumo.

Krom tio la ŝtato destinas el sia budĝeto subvencion al plimalriĉaj lernantoj por havigo de lerniloj, vestoj kaj piedvestoj ĉirkaŭ 150 milj. da kronoj pojare. La elspezoj por elementa instruado sumiĝas por ĉiu civitano po 6.0 kronoj, sed por ĉiu gelernanto po 63,9 kronoj.

**Gvidado de elementlernejo.** La gvidantoj de lerneja vivo estas lernejestro, lerneja konsilantaro, prizorgantaro kaj gepatraro, Lernejan konsilantaron formas instruistaro, lerneja kuracisto, reprezentantoj de la prizorgantaro kaj gepatroj. El la taskoj de la konsilantaro ni menciu la pritraktadon kaj fiksadon de praktikaj labor- kaj edukplanoj.

Al la prizorgantaro apartenas: lernejestro, reprezentantoj de la

instruistaro, gepatroj kaj komunumo (el ĉiu grupo 1-4, konforme al la grando de lernejo) kaj lerneja kuracisto. La prizorgantaro havas vastajn taskojn, precipe por prizorgi la ekonomian flankon de lernejo. Ĝi monpunas ankaŭ gepatrojn pro la senkaŭzaj forestoj de infanoj.

La kunvenoj de gepatroj devas krei pli intiman interrilaton inter lernejo kaj hejmo. Ili estas aranĝataj minimume 2 foje ĉiujare.

**Instrufakoj.** La pririgardon de instrufakoj en Estona elementa lernejo donas ĉisekva tabelo :

La estonlingva kampara elementlernejo (urba lernejo)

| | I | II | III | IV | V | VI klasoj. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Gepatra lingvo (kaj pri hejma instruado) . . | 9 | 9 | 7 | 7(6) | 6(5) | 6(5) |
| Religia instruado (libervola) . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 |
| Historio kaj civitana instruado. . . . . | — | — | — | 2 | 3 | 3 |
| Matematiko . . . . . . . . . . | 5 | 5 | 5 | 5 | 5 | 5 |
| Naturscienco kaj higieno . . . . . . | — | — | 3 | 3 | 3 | 3 |
| Geografio . . . . . . . . . . | — | — | — | 2 | 2 | 2 |
| Desegnado . . . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 |
| Skribtekniko . . . . . . . . . | 1 | 1 | 1 | — | — | — |
| Laborinstruado . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 |
| Gimnastiko . . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 |
| Kantado . . . . . . . . . . | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 |

La leciontabelo estas ofte ŝanĝita, lastfoje en la jaro 1937. Longan tempon staris en la lecionaro de la elementa lernejo fremdlingvo (kelkan tempon eĉ du), ĉar de la rusa tempo devenis pensmaniero kaŭziganta trotaksadon de fremdlingvo (oni pensis ke gravas scipovi tri lokajn lingvojn — la rusan, estonan kaj germanan). Iom post iom foriĝis tiuj-ĉi miskomprenoj kaj oni ekkomprenis, ke la fremdlingvo kiel deviga instruo ne devas havi lokon en elementa lernejo. Ĝis la lasta aliiĝo funkciis prihejma instruado (Anschaŭungsunterricht) kiel memstara instrufako, nun ĝi estas kunigita en la I kaj II lernejjaro kun gepatra lingvo kaj en la III lernejjaro anstaŭita per naturscienco. Kiel nova instrufako en la lecionplano oni prenis en la sama jaro skribteknikon. Krom tio apartenas unu leciono posemajne al la t.n. klasestra leciono — por pliprofundigo kaj unuecigo de lerneja eduklaboro.

**Instruprogramoj.** Multe oni sin okupis pri ellaboro de elementlernejaj instruplanoj. Ankaŭ tiujn ĉi oni devis krei tute nove laŭ estonaj lernejaj idealoj, sed ankaŭ koncerne al la principoj de laŭtempa pedagogio. Sed la postmilita vivo evoluas rapide, precipe en la junaj ŝtatoj, tial ankaŭ jam fiksitaj instrupl. ne povis longe daŭri kaj ilin on plurfoje ŝanĝis (lastfoje en la jaro 1937). La estonaj instruplanoj celas je formado de personeco kaj edukado de ŝtata civitano. Ili enhavas instrumaterialon konvenan al la evoluo de infano kaj al praktikaj vivo-bezonoj.

**La prgoresado de gelernantoj.** Ĝeneralan altiĝon montras la

progreso de instrulaboro, havante meze 80—81% (tiu ĉi nombro prezentas la plenumon de klaskurso sen ekzamenoj).

La transiro de klaso al klaso kaj la fino de lerneja kurso okazas laŭ ĝenerala prospero kaj spirita evoluo de lernanto. En pli altaj klasoj estas tamen permesitaj postpruvoj, kvankam nerekomenditaj (ne pli ol en unu fako).

**La kontrolo de instrulaboro.** En elementaj lernejoj tiu estas plenumata de inspektoroj, sume 20 kaj per unu klerministeria ĉefinspektoro. Ĝis la jaro 1937 la inspektoroj estis nomataj lernejaj konsilantoj kaj ilia unuagrada tasko estis konsili instruistojn. Sed nun en ilia agado okupas la unuan lokon revizio de lernejoj.

**Instrureforma movado en Estonio.** En estona elementa lernejo regas vigla movado je spirito de reformpedagogio kaj la instruistaro en ĝia plikonscia parto ĉiam esprimas viglan reformkomprenon. Nian lernejon oni devis ĝisfunde rekonstrui, ĉar la rustempa lernejo staris tro malproksime de klerecidealoj de la memstara Estonio. Ĝuste la fakto, ke estonan instruiston ne ligis rigidaj tradicioj, prosperigis la evoluon de estona popollernejo. Ekzistis neniu definitiva formo kaj modelo, ĉiun oni devis eltrovi kaj pruvi. Por krei originalan estonan lernejon, oni devis atente sekvi novajn pedagogiajn movadojn kaj evoluon de kulturvivo en la tuta kulturmondo.

Pri reformaj aspiroj de estona popollernejo estu menciita unue la t.n. ĝeneralan instruadon (koncentriga metodo) kiun oni ekuzis en la unuaj klasoj de la elementa lernejo jam en la komenco de sendependeco. Sed en ĉiun lernejon tiu ĉi metodo ankoraŭ ne penetris. Tio ĉi estas la celo de nia estonto.

En la lasta jardeko la instrureformon karakterizas la praktikado de individua labormetodo uzante laborgvidilojn (angle : Assignments). Tio okazas pliparte en unuigitaj klasoj de kamparaj lernejoj. En estonaj lernejoj, uzata individua labormetodo similas ĝenerale al dalton-plano, sed diferencas de ĝi sufiĉe esence laŭ tio, ke la klaso kiel tutaĵo tamen restas. Per la individuigo de instruo oni ne volas eligon de la kolektiva instruo. Male, oni volas la kolektivan instruadon esence perfektigi per boneco de individua laboro kaj tiel unuigante ambaŭ labarmetodojn, formi laborrondon, kiu vaste superas la instruon de malnova lernejo.

Plue necesus mencii psikologiajn observadojn kaj testojn pri evoluo, celantaj pli fundan konatiĝon kun lernantoj.

La novaj labormetodoj bezonas ankaŭ novajn laborilojn — laborlibrojn, konvenajn ekzerc — kaj laborkajerojn, materialon por vigligo de instruo kaj alian lernilojn por individua laboro. Tiujn ĉi laborilojn aldone al ordinaraj, aperis dum la lastaj jaroj sufiĉe multe.

Karakteriza estas la fakto, ke la tutan reformigan laboron en la estona lernejo ĝis nun instigis kaj gvidis la centra organizaĵo de

instruistoj mem — Estona Geinstruista Asocio. Oficialaj gvidantaj personoj (ankaŭ lernejaj inspektoroj) flankenstaras de tiu — ĉi laboro.

**Lernantaj organizaĵoj.** La lernejreforma laboro ne limiĝas nur je serĉado de novaj instrumetodoj kaj je aplikado de ili. La nova lernejo celas ankaŭ pli vastan utiligadon de la memagemo de lernantoj ĉe socia edukado, koncentrigante ilian agadon por la kreado kaj gardado de lerneja ordo (en la formo de t.n. aŭtonomio): Lernantoj mem fiksas oficojn kaj komisionojn necesajn en la lerneja vivo, ili mem dividas tiujn ĉi oficojn inter si kaj mem elektas siajn konfidantojn, realigante tiel la principojn de demokrata edukado.

Por la prudenta utiligado de sia libera tempo kaj por la pliprofundigo de eduklaboro oni gvidas la lernantojn al libervola agado en lernantaj rondoj kaj junularaj organizaĵoj. La agado de lastaj estas direktata de klerministerio sur la bazo de speciala leĝo.

Ideale estas, se en ĉiu lernejo funkcias lerneja rondo. Fakte jam la nombro de la elementaj lernejoj, kie laboras rondoj kaj org-oj, faras 82% de ĉiuj elementaj lernejoj.

El plej diversaj org-oj okupas la unuan lokon skoltaj ĝrupoj Junaj agloj kaj Hejmfilinoj. Tiam sekvas abstinencaj rondoj, rondoj de junulara ruĝa kruco, lernejaj kooperativoj, grupoj de kampara junularo, kantad-kaj muzikaj, sportaj k.a. organizaĵoj. La anaro de tiu ĉi org-oj sumiĝas je 45.000 (42% de la ĝenerala nombro de gelernantoj).

**La instruistaro.** En la komencaj jaroj de la memstareco malfaciligis la efektivigon de la deviga instruado la manko de elementlernejaj instruistoj. En la jaro 1919a. en Estonio ekzistis nur 2382 instr. de elementlernejo.

Ankaŭ plejparto de rustempaj instr-oj ne havis ĉu seminarian klerecon ĉu oficialan ateston. Al ili oni aranĝis dumsomerajn perfektigajn kursojn. En 1923. troviĝis 23% da neatestitaj instruistoj, nuntempe ilia nombro estas malgrandiĝinta je 3%. Entute laboras en la elementaj lernejoj 3800 geinstruistoj, el ili 1870 instruistoj kaj 1930 instruistinoj.

**Cirkonstancoj de instruistaro.** Laŭ salajro elementlerneja instruistaro grupiĝas jene: lernejestro, supera instruisto, instruisto kaj pli juna instuisto. La fundamenta salajro de lernejestro en 1-5 klaskomplekta lernejo estas po 115 kronoj, monate, en pli grandaj lernejoj po 125-150 kronoj, monata. Tiu-ĉi de supera instruisto estas en kamparo 98, en urbo 105 kronoj, la salajro de instruisto same 93 kaj 98 kronoj, de pli juna instruisto en kamparo kaj urbo 74 kronoj. Krom la fundamenta salajro ĉiuj instruistoj post la 3-, 6-, 12- kaj, 15- jara laborado ricevas alpagon pro servdaŭro same kiel ŝtataj oficistoj.

Tiamaniere la salajro de lernejestro povas altiĝi gis 155 kr. kaj de supera instruisto en kamparo ĝis 124 kronoj monate. La subvencio por infanoj sumiĝas po 6-8 kronoj.

La normo de lecionoj por unu instruisto en urbo estas po 26-28, en kamparo po 30 semanje. La nombro de lecionoj por lernejestro estas pli malgranda po 2 lecionoj por ĉiu klaskomplekto. Oni fariĝas supera instruisto konfirmite de Klerministerio post minimume 9 jara praktiko. La servtempo de juna instruisto daŭras 3 jarojn. Instruisto ricevas pension post la 60a vivojaro, koncerne la daŭron de servotempo (post 25 jaro servado 55%, post 30 jara 70% de la salajro).

Instruistoj estas elektataj de komunumoj, konfirmas Klerministerio. La servoleĝo de instruistoj ebligas al Klerministero la forigon aŭ translokigon de instruisto pro interesoj de lernejlaboro.

**La preparado de instruistoj** havis dum la sendependeco de Estonio plurajn fazojn. Pli longan tempon funkciis 6 kl. seminarioj, kiuj baziĝis je 6 kl, elementlernejo. Tiam paralele al ili eklaboris laŭ modelo de germanaj pedag. akademioj du jaraj pedagogejoj por finintoj de gimnazio. Pli poste oni fermis la seminariojn. En la jaro 1937 denove oni malfermis du kvarjarajn seminariojn baziĝantaj sur mezlernejo. La aliiĝo en la nombro de pedag. lernejoj kaŭziĝis parte ankaŭ pro granda rezervo de instruistoj dum la kriztempa reduktado.

**Kompletigaj lernejoj**. Pri la plivastigo de la deviga instruado per kompletiga lernejo parolas jam la leĝo de publikaj elementlernejoj de la jaro 1920. Sed tiu ĉi vasta paŝo de popolklerigado ne respondis al la ekonomia kapableco de la popolo kaj ankoraŭ nuntempe la lernado en kompletigaj lernejoj estas libervola. Kompletigajn klasojn aŭ lernejojn oni malfermas laŭbezone ĉe elementlernejoj. Momente funkcias en Estonio 36 kompletigaj lernejoj kun 1240 gelernantoj. Precipe ili donas profesian scipovon, ekzemple pri hejmmastrumado (por knabinoi), terkulturo, manlaboro, mastrumo, tekniko ktp.

**Pri postlernejo.** Nuntempe multaj gejunuloj jam en la 14 vivojaro finas sian klerigan vojon, ofte ne finante elementan kurson kaj ne daŭrigante ankaŭ la studon. Pro tio oni parolas pri plivastigo de la lernejdevo tiom, ke tiaj gejunuloj vizitu unu foje posemajne t.n. postlernejon (ĉe elementa lernejo) Tiu ĉi intenco ankoraŭ ne efektiviĝis.

**Antaŭlernejoj.** Kiel tiaj funkcias t.n. infanĝardenoj prizorgataj de komunumoj kaj privatuloj (aŭ de societoj). Sendi tien infanojn estas libervole. Ekzistas 76 infanĝardenoj kun 3860 infanoj. De infanoj irantaj en elementan lernejon 46% estas analfabetaj, nur legi scipovas 20%.

**Resumo.** Mallonga estas historio de popollernejo de sendependa Estonio, tamen ni vidas dum ĝi tempospacojn kun tajdoj, kun ĝojaj kaj malĝojaj tagoj, multe da batalo pro la unueca lernejsistemo, pro la nova lernejo kaj ĝiaj demokrataj klerecidealoj. La gvidantaj personoj

de la klereca vivo kaj la organizita instruistaro esprimis persitan klopodon kaj deziron pli bone ordigi kaj havigi instrulaboron. Tiu-ĉi granda laboro estis fruktodona. La atingaĵoj de popolklerigado dum sendependa Estonio estas eĉ grandegaj kaj ili valoras plenan agnoskon.

(TRAD. AIN VAHURI.)

---

# Mez- kaj altlerneja instruado en Estonio.

La tuta klerarango baziĝas en Estonio sur la elementaj lernejoj en kiuj la lernado estas senpaga kaj deviga por ĉiuj civitanoj, komencante de la oka ĝis la dekkvara vivojaro. La elementa lernejo estas seklasa. Dum la dudekjara memstareco de Estonio, la klerpolitiko travivis reformon en 1934-a jaro. Ĝis tiu tempo ek de la komenco de sendependeco, la sesjara elementa lernejo estas la bazo de la kvinjara mezlernejo, nomita gimnazio. De gimnazio estis libera la vojo al universitato. Tia ordo ne plene kontentigis. Speciale el la universitataj rondoj audiĝis plendoj, ke la studentoj ne estas sufiĉe maturaj por la scienca laboro,ne havas sufiĉan kvanton da konoj por tiuj taskoj. kaj oni decidis reformi la lernejon, formante anstataŭ la antaŭa mezlernejo, progimnaziojn, reallernejojn kaj gimnaziojn. Tiel aldoniĝis unu jaro al la lernado antaŭ la universitato. La elementa lernejo restis sesjara.

Por kompletigo de la ĝenerala klero post la reformo, prezentiĝas du ebloj. Post fino de la kvara klaso de la elementa lernejo oni povas transiri en la I-an klason de la 5-jara progimnazio aŭ post fino de la sesa klaso, en la I-an klason de la 3-jara reallernejo. La esenca diferenco de la programoj en progimnazio kaj reallernejo estas la nombro kaj relativa graveco de la fremdlingvaj lecionoj. En la progimnazio la fremdlingvoj okupas pli grandan nombron da lecionoj ol en la reallernejo. La programo estas antaŭ nelonge unuecigita tiel, ke la finintoj de ambaŭ lernejspecoj povas samrajte daŭrigi la lernadon en la trijaraj gimnazioj. Reallernejoj estas fonditaj por ebligi al la infanoj en kamparoj ĝis plia aĝo loĝi hejme, vizitante la lokan elementan lernejon, anstataŭ forlasi la hejmon du jarojn pli frue por eniri progimnazion en ia pli granda centro.

Oficiale estas antaŭvidite, ke la transiro el la elementa lernejo en la reallernejon aŭ progimnazion, same kiel la transiro el la reallernejo kaj progimnazio en la gimnazion ne estas limigata, do sen ekzamenoj. Fakte tamen en la lastoj jaroj la transiro fariĝis limigita. La procento de la personoj. havantaj gimnazion kleron estas en Estonio relative alta. La malnovan kvinjaran gimnazion finis 4,5% kaj vizitis ĝin ne fininte la lernadon tie 8.7% de la tuta popolo. Pro la alta procento en koncernaj laborfakoj regas iugrada tropro-

duktado. Tial en la lastaj jaroj oni limigis la nombron de la klasoj en la ĝeneraleklerigaj mezlernejoj kaj gimnazioj kaj la ĉefa intereso de la klerpolitiko estas direktita al la t.n. profesiaj lernejoj, el kiuj parto fariĝis profesiaj mezlernejoj. La menciita limigo de la klasnombroj kaŭzis estiĝon de konkursaj ekzamenoj ĉe transiro el la elementa lernejo en la progimnazion kaj reallernejon, same el ili en la gimnazion, ĉar la nombro de dezirantoj superas la nombron de vakantaj lokoj. Tiu, ni diru, „altfrekvenco" montras tamen jam malpligrandiĝan tendencon kaj la situacio fariĝas pli normala. Kiam antaŭ kelkaj jaroj la alfluo al la ĝeneralklerigaj mezlernejoj (gimnazioj) estis tro granda minacante superi la popolajn kaj ŝtatfinancajn eblojn, oni estis devigata serĉi elirvojojn el la nedezirinda situacio. Tiu elirvojo, kiel evidentiĝis dum la lastaj jaroj, estas profesiaj mezlernejoj. Iom post iom komenciĝas ŝanĝiĝi ankaŭ la mentaleco de la popolo, ĉar oni ekkomprenas, ke kompare kun la lernojaroj, pasigitaj en la ĝeneralklerigaj lernejoj, la lernojaroj en la profesiaj lernejoj fariĝas en la praktika vivo pli valoraj, ĉar pro tio la trovo de konvena laboro devos esti pli facila.

La plejparto de la profesiaj mezlernejoj postulas la klerecon de sesjara popollernejo. La lernotempo en ili daŭras 3 ĝis 6 jarojn. Laŭ karaktero la profesioj lernejoj estas tre diversaj. La plej gravaj kaj plej konataj tipoj de la lernejoj estas: la komerca, la negoca, la art-industria, la teknika, la marista, la agronomia, la hejmmastruma mezlernejoj. El la profesiaj lernejoj la instruista seminario, la superaj hejmmastrumaj lernejoj kaj kelkaj aliaj postulas mezlernejonkleron. La tasko de la instruista seminario estas prepari instruistojn por elementaj lernejoj.

La plej gravaj superaj lernejoj, kiuj baziĝas sur gimnazio estas: la universitato en Tartu kaj la Teknika Altlernejo en Tallinn.

La universitato en Tartu estas fondita en 1632 de la sveda reĝo Gustav Adolf. La Tallinna Teknika Altlernejo estas ankoraŭ juna. Ĝi elkreskis el la teknika supera lernejo kaj ricevis rajtojn de altlernejo nur antaŭ kelkaj jaroj. Tartua Universitato laboras kun 8 fakultatoj: teologia, jura, filozofia, medicina, matematika-naturscienca, veterinara, agrikultura kaj ekonomia. Tallinna Teknika Altlernejo havas du fakultatojn: konstru-mekanika kaj kemia-minejscienca fakultatoj.

Periode funkcias ĉe la Tartua Universitato ankaŭ Instituto de Korpa Edukado.

En la universitatojn oni akceptas personojn el ambaŭ seksoj, kiuj atingis la aĝon de deksep jaroj kaj finis gimnazian kurson aŭ iun superan fakan lernejon, rajtigantan eniri en la koncernan fakultaton. En ĉiu printempo la klerministro fiksas la nombron de la studentoj, akcepteblaj en la unuopojn fakultatojn kaj fakojn. Tia ordo validas dum la du lastoj jaroj pro la samaj motivoj, laŭ kiuj

oni malgrandigis la nombron de klasoj en la mezlernejoj kaj gimnazioj, nome, por kontraŭbatali la troproduktadon de kleruloj. La nombro de la personoj kun supera klero en Estonio estas ĉirkaŭ 1% de la tuta loĝantaro, kaj tiu de la personoj, ne finintaj la studadon en universitatoj estes iom pli ol 1%. Pro tio oni komencis limigi la nombron de studentoj. Ĉar la nombro de la personoj, dezirantaj studi en la universitato, superas tiun de la vakantaj lokoj ĉiuaŭtune okazas konkuraj enirekzamenoj.

Ĉe la Tartua Universitato konstante funkcias ankaŭ didaktika-metoda seminario, kies celo estas prepari pedagogie mezlernejajn kaj gimnaziajn instruistajn. Persono kiu post fino de la universitata fakultato deziras fariĝi instruisto ĉe la nomitaj lernejoj, devas labori unu jaron en la „metoda"-seminario de la koncerna fakultato.

Krom la Tartua Universitato kaj la Teknika Altlernejo en Tallinn menciindaj estas specialaj altlernejoj — la Konservatorio en Tallinn, la Artaltlernejo „Pallas" en Tartu kaj la kursoj de la Armea Generalstabo en Tallinn. H. TULP.

---

# Profesia Eduko en Estonio.

(Uzante la materialojn de Joh. Kiivet kompilis V. Raukas.)

Estonio heredis de rusa tempo la estimon al ĝenerala klero, per kiu oni povis atingi „puran laboron". Nun seniluziiĝoj, kiujn kaŭzis superproduktado de „kleritaj proletoj", forkutimiĝintaj de fizika laboro sed ne havantaj esperon ricevi atenditan „puran laboron", turnas pli kaj pli la atenton al klero profesia.

En unua tempo en lernejojn profesiajn iris tiuj, kiuj malsukcesis en ĝenerala klero, sed nuntempe la opinio publika favoriĝas al profesiaj lernejoj.

De alia flanko la maljuna generacio de profesiuloj, precipe en industrio, rilatas iom malamike kaj ironie al novuloj kun profesia klero. Maljuna generacio alkutimiĝis al malnovaj tradicioj de manlaboristaj unuiĝoj (Zunft). La unuiĝoj estis nuligitaj dum revolucio rusa, en jaro 1917. Ankaŭ la lernolaborejoj, kiuj akceptas por instruado la mendojn, ŝajnas esti konkurantoj al entreprenoj privataj. Profesiuloj maljunaj, mem ne havante signifan kleron, penas kelkfoje pruvi la senvalorecon de la klero por „permane laborantoj".

La lernejoj profesiaj postulas por sia fondado grandajn monrimedojn de ŝtato kaj lokaj administracioj, sed la rezervoj ofte estas nesufiĉaj.

Tiuj faktoj kreas tute specialan atmosferon ĉirkaŭ profesia klero.

Nuntempaj profesiaj lernejoj estonaj plejparte baziĝas sur sesjara elementlernejo, parte sur mezlernejo.

Laŭ leĝo de 1934-a jaro mezlerneja ŝtupo sekvas post 4 jara elementlernejo kiel 5-jara, aŭ post 6-jara elementlernejo kiel 3-ĝis 4-jara lernejo. Do ĝis universitato la lernodaŭro ĝenerale estas au 4+5+3 aŭ 6+3+3 jaroj.

Profesia lernejo dividiĝas en du ŝtupojn: a) senpere post sesjara elementlernejo kaj; b) superaj profesilernejoj-post mezlernejo. Trie estas krome nomataj: la ŝtupo universitata — post gimnazio.

Profesiaj lernejoj, kiuj sekvas post elementlernejo, estas alkalkulataj al mezlerneja grupo kaj parto de ili povas doni al siaj abiturientoj ankau ĝeneralajn mezlernejajn rajtojn.

Lernokurso estas en diversaj profesiaj lernejoj 1-ĝis 4-jara.

Laŭ fakoj ekzistas lernejoj kaj apartaj klasoj por plej diversaj porindustriaj kaj teknikaj profesioj, por komerco, por hejm-mastrumado, nutro-fako kun nutroprodukta industrio, fiŝkaptista fako kun apartenanta industrio, por maristoj, por ĝardenistoj kaj aliaj agrikultur-profesiaj branĉoj, entute ĝis cent apartaj profesioj, prezentitaj ĉu per apartaj lernejoj ĉu per memstaraj klasoj aŭ kelkaj per elektebleco en limoj de ĝeneralaj klasoj.

Lernejoj kun 1—2 jara kurso donas nur konojn por profesia uzado, sen specialaj rajtoj. Ili havas la karakteron de lernejoj daŭrigaj post elementlernejo.

Lernejoj kun 3-ĝis 4-jara lernokurso havas plejparte ĉe si diversflankajn laborejojn. Iliaj abiturientoj ricevas fakatestojn de kvalifikitaj laboristoj kun rajto post iu tempo de praktikado fariĝi majstroj. Krome parto de la lernejoj (4 jaraj) rajtigas eniri en lernejojn de gimnazia ŝtupo.

Aparte estas rimarkinda kvanto de lernejoj por faklernantoj en diversaj entreprenoj. Tiuj lernejoj havas ĝenerale 3-jaran kurson kaj funkcias kiel vesperaj lernejoj kun 3—4 laborvesperoj posemajne (9—12 posemajnajn lecionojn). La lernantoj praktikas en privataj laborejoj (registrite, ĉe plenrajtaj majstroj aŭ limigite ĉe kvalifikitaj laboristoj; lernado estas kontrolata). Teoriajn konojn la lernantoj ricevas en suprenomitaj lernejoj.

Rajtojn de kvalifikitaj laboristoj, lernantoj en entreprenoj ricevas post fino de ambaŭflanka studado (praktiko kaj teorio) pere de speciala komisiono kaj ekzamenoj.

Ekzistas ankaŭ specialaj lernolaborejoj en kelkaj fakoj, kun 3—5 jara kurso, por praktika studado sen teorio. Teorion oni lernas en vesperaj lernejoj kaj specialaj kursoj.

Superaj profesiaj lernejoj akceptas nur lernantojn kun mezlerneja (faka au ĝenerala) klero. Kurso 3-jara. Ili donas pli profundajn konojn en profesioj kaj preparas al universitato teknika. Krome abiturientoj povas labori kiel help-inĝenieroj (teknikistoj) aŭ, post pedagogia kompletigo, povas fariĝi instruistoj por faklernejoj.

La ĝenerala kvanto de profesiaj lernejoj en Estonio estas 127 kun pli ol 8000 lernantoj (egalas 0,75 % de la tuta popolaro).

Ne enkalkulata estas ŝtata art-industria lernejo kaj politeknika universitato.

Estas en preparo la leĝo pri deviga daŭriga lernejo ĝis 18 jaro aĝo (nun ĝi estas libervola), 1—2 tagojn posemajne. La lernejo havos karakteron iom simila al faklernejo.

Ĝenerale profesia klero en Estonio estas en periodo de eksperimentado kaj serĉado de plej konvenaj, al lokaj kondiĉoj, vojoj.

---

# Libervola popolklerigo en Estonio.

NEEME RUUS,
parlamentano, sekretario de studlaboro ĉe Asocio de Libervola Popolklerigo Estonio.

**Kanto kaj muziko.**

Priskribante la staton de libervola popolklerigo en Estonio, oni devas unue mencii kanton kaj muzikon. Nuntempe nur la rolo de amatorteatro estas plej forta, tiam la duan lokon okupas kanto kaj muziko kaj nur post ili sekvas sporto, kursoj de praktikaj hejmlaboroj, studrondoj, popularsciencaj prelegoj, ktp.

La fortan rolon de kanto en la estona libv. popolklerigo ni povas klarigi per du gravaj kaŭzoj: 1) estonoj sentas grandan amon al kanto, muziko, teatro kaj al aliaj faktoroj, influantaj iliajn sentojn; 2) en la mezo de 18-a jarcento, kiam la estona libervola popolklerigo ekevoluiĝis, ne estas permesataj aliaj kunvenoj. Kontraŭ la muziko kaj teatro ne povis ion diri eĉ la ĝendarmoj kaj oficistoj de rusa caro.



Lernantoj kaj estro en elementa lernejo en Tartu.

En tiu tempo instruistoj kaj preĝej-orgenistoj (la pli granda religio en Estonio estas luterana) kolektis la homojn, junajn kaj maljunajn, en siajn hejmojn, kutime sabat- aŭ dimanĉevespere, kaj instruis al ili estonajn kantojn.

La unua kantfesto okazis en Tartu en la somero 1869-a. Post tio la ĝisnunaj kanthoroj organiziĝis, fariĝinte t.n. kant- kaj muziksocietoj. Estas karakterize, ke ili estis la unuaj organizajoj de estona libervola popolklerigo.

La tradicio de kantfestoj restis, same la kultivado de kanto kaj muziko. Nun okazas grandnombraj kantfestoj post ĉiuj kvin jaroj. Oni povas ankaŭ diri, ke kanthoroj fakte ekzistas en ĉiu estona vilaĝeto. Preskaŭ ne ekzistas en Estonio homoj, kiuj iam ne partoprenis kiel kantisto en iu ajn horo. Ĉiujn horojn unuigas la Estona Kantista Ligo.

La kanthoroj kaj orkestroj ofte aranĝas ankaŭ koncertojn. Pli ofte ili tamen plenigas la programojn de diversaj aliaj lokaj festenoj.

**Amatorteatro okupas la unuan lokon.**

Nuntempe tamen la rolo de kanto kaj muziko estas plimalgrandiĝinta je favoro de amatorteatro. La movadon de amatorteatro gvidas en Estonio la Estona Klerigo-Asocio, kiu celas doni al amatorteatro karakteron de bona kaj influa kulturfaktoro en la edukado de plenkreskuloj.

La Estona Kleriga Asocio aranĝas ĉiusomere 1—2 grandajn teatrokursojn por la gvidantoj de amator-teatrotrupoj. Tie la kursojn gvidas plej bonaj estonaj reĝisoroj kaj specialistoj en la teatroarto. Krom tio la Asocio ĉiujare aranĝas en diversaj kamparaj lokoj, ĉ. 30 teatrokursojn por lokaj amator-aktoroj. Ĉiu kurso daŭras 17 tagojn. Dum tiu tempo oni lernas la historion de ĝenerala kaj speciale estona teatro, reĝion, mimikon, gestadon, komprenon de teatraĵoj, ktp, ktp.

La Estona Kleriga Asocio eldonas bonajn teatraĵojn, kiuj estas ludindaj per amatortrupoj. Same oni povas pruntepreni de l'provizo de l'Asocio ĉiuspecajn teatrajn bezonaĵojn, k.e. kostumojn, perukojn, akcesoraĵojn, ktp. ktp. Tiel la societoj ne bezonas mem elspezi monon por aĉeto de tiaj aĵoj.

Ankaŭ la ministerio de Klerigo kunhelpas al la plibonigo de repertuaro de amatorteatroj. El la ministeriaj sumoj nome estas pagataj la aŭtorhonorarioj de tiuj teatraĵoj, kiuj ekzistas en la nomaro de rekomenditaj teatraĵoj. Ĉar la aŭtorhonorarioj estas sufiĉe altaj, la liberigo de la pago estas nominda subteno.

Amatorteatroj riavas subvencion ankaŭ por instaligo de scenejoj. Laŭ la koncerna statistiko en Estonio ekzistis la 1-an de januaro 1937-a, 448 t.n. popolaj domoj. El ili posedis scenejojn 427. Sekvepreskaŭ ĉiuj. La Asocio havas en sia servo 2 personojn kun speciala

edukado en artoj, kiuj konstruas la scenejojn kaj riparas ilin. Ĉiusomere krom tio estas aranĝata unu dekoraci-kurso por la dekoraciistoj de amatorteatroj. Tie oni lernas, kiel ripari kaj novkonstrui la dekoraciojn.

La gvidantoj de amator-teatrotrupoj estas organizitaj en la Socieion de Gvidantoj de Amatorteatroj.

Por prezenti ankaŭ al la kamparanoj la profesian teatro-arton, ekzistas en Tallinn (ĉefurbo de Estonio) migranta teatro, kies 2 trupoj konstante migradas en la vilaĝoj kaj donas teatroprezentadojn.

**Bibliotekoj.**

La funkciado de popol-bibliotekoj estas ordigita en Estonio per speciala bibliotek-leĝo. Laŭ tiu ciŭ komunumo devas havi publikan bibliothekon, por kies subteno devas esti kalkulata en la budĝeto de komunumo, minimume po 2 estonaj cendoj por ĉiu loĝanto de l'komunumo. La ŝtata subvencio devas esti minimume same granda kiel tiu de komunumo.

La 1-an de jan. 1937-a ekzistis en Estonio 736 publikaj bibliotekoj, kiuj posedis ĉ. 800.000 librojn. Krome ekzistas ĉ. 1200 lernejbibliotekoj, universitata biblioteko en Tartu kun ĉ. 620.000 libroj, ŝtata biblioteko en Tallinn kun ĉ. 50000 libroj, biblioteko de militscienco kun c. 100.000 libroj, arkivbiblioteko ĉe Estona Nacia Muzeo kun ĉ. 121.000 libroj, ktp.

En la urboj ĉe la bibliotekoj troviĝas ankaŭ legejoj de gazetoj kaj ĵurnaloj, en la kamparaj lokoj one trovas legejojn nur malofte. Esceptoj tamen estas la industriaj kamparlokoj, kie ankaŭ legejoj ekzistas.

**Studrondoj**

La movado de de studrondoj estas en Estonio la plej juna inter ĉiuj faktoroj de libervola popolklerigo. Studrondojn oni ekpropagandis en Estonio antaŭ 15 jaroj. Daŭris sufiĉe longan tempon, kiam oni alkutimiĝis al tiu nova formo de memedukado. Nun oni jam komprenas, ke lernado en studrondoj estas pli efika, ol lernado sole per la helpo de libroj kaj unuopaj prelegoj.

La agadon de studrondoj gvidas la Estona Kleriga Asocio, kiu havas en sia servo krom surloke laboranta studsekretario 2 konsultistojn, kiuj konstante vojaĝas kaj vizitas studrondojn dum ilia laboro. Tiel la konsultistoj ricevas multajn diversajn spertojn pri la agado de studrondoj en diversaj lokoj. Ili povas doni metodikajn kaj organizajn konsilojn al la nove fonditaj studrondoj, ĉe la Estona Kleriga Asocio estis registrita en la lasta agadjaro 193 studrondoj, krome laboras studrondoj ankaŭ ĉe la abstinencaj kaj junularsocietoj, kiuj ne estas registritaj ĉe la Estona Kleriga Asocio.

Oni aranĝas ankaŭ kursojn por la gvidantoj de studrondoj, eldonas koncernan literaturon — librojn, broŝurojn, studplanojn ktp.

Monan subtenan la estonaj studrondoj ne ricevas, sed la Kleriga Asocio posedas grandan bibliotekon, kie la studrondoj povas pruntepreni librojn, bezonataj en ilia studlaboro.

En la libervola popolklerigo en Estonio la studrondoj nuntempe estas la plej gravaj faktaroj, ĉar en ili ricevas sciojn kaj prezentad-kaj paroladkapablon la plej lernema parto de estona maturiĝanta junularo en la aĝo de 18—25 jaroj. Tion mi atentigas ĉefe pro tio, ke ofte la gimnazioj kaj eĉ universitatoj sendas en la vivon, homojn, kiuj ne kapablas trovi ĝustan lokon en la nuna socio: dum sia longdaŭra studado ili kvazaŭ malproksimiĝis de la nuntempa vivo.

La rolo de popolaj universitatoj estas en Estonio tre malgranda, speciale, se ni komparas la staton kun la skandinavaj landoj. Sed niaj studrondoj jam sufiĉe bone anstataŭas la mankon de popolaj altlernejoj.

## Popularsciencaj prelegoj.

La centro por aranĝo de popularsciencaj prelegoj estas la Estona Kleriga Asocio. Pere de ĝi povas ĉiuj ĝiaj membroj-societoj (nur ĉ. 600 kulturcelaj societoj dise en la tuta Estonio) ricevi prelegistojn-lektorojn kaj aranĝi prelegojn. La loka societo esprimas sian deziron pri konvena temo kaj tempo de prelego kaj la Asocio serĉas konvenan prelegiston-lektoron, pagas al li por ĉiu preleghoro kaj same ankaŭ liajn vojaĝkostojn. Laŭ tia sistemo ĉiuj societoj, estante proksime aŭ malproksime de l' grandurboj, povas aranĝi prelegojn kun plej bonaj lektoroj je egalaj kostoj.

Dum la agadjaro 1936/37 la Kleriga Asocio tiamaniere aranĝis en la lokaj kultursocietoj 210 prelegojn al 17.730 aŭskultantoj. Prelegis 46 specialistoj-lektoroj. Krom tio la societoj mem aranĝas sen la helpo de Asocio ĉiujare ĉ. 2500 prelegojn al ĉirkaŭ 100.000 aŭskultantoj. Krome oni aranĝas jare ĉ. 70 literatur-vesperojn al ĉ. 10.000 aŭskultantoj. Estu ankoraŭ aldonate, ke la statistiko koncernas nur la Estonan Klerigan Asocion, sed ne la virin-kaj junulsocietojn, kiuj ofte havas samspecan agadon.

## Popolaj altlernejoj.

En Estonio ekzistas 3 kamparaj kaj 8 urbaj altlernejoj.

La kamparaj popolaltlernejoj laboras laŭ la principoj de Grundtvig, t.e. laŭ la modelo de danaj popolaj altlernejoj. Ili havas konstantan lernantaron, kiu konsistas el 17—30 jaraj gejunuloj. Ĉiuj lernantoj loĝas dum la tuta lernotempo ĉe la lernejo, kie ili komune lernas kaj manĝas. En lernejoj oni celas je pli intima kontakto inter la instruistoj kaj lernantoj kaj penas eduki la lernantojn ĝuste pere de la personeco de instruistoj.

La studplanoj de estonaj popolaj alternejoj tamen multe diferencas de studplanoj de danaj samspecaj lernejoj. En estonaj lernejoj oni

lernas ankaŭ praktikajn fakojn, kiel ekz. agrikulturon, hejman slojdon — virinan kaj viran, ktp. Krom tio gravan lokon en la studplano okupas — metodoj de gvidado de klerigaj societoj kaj studrondoj. Same oni aranĝas ĉiujare en ĉiu popola altlernejo specialan teatrokurson. La teorio kaj historio de libervola popolklerigo ankaŭ ne mankas en la programo. Tiel la finintoj de'l popolaj altlernejoj ricevas ĉiujn sciojn, kiujn bezonas la gvidantoj de klerigaj societoj. Krom tio gravan lokon en la programo de lernejo okupas historio, literaturo, nacia ekonomio, kooperado, ktp.

La 8 urbaj popolaj altlernejoj aranĝas vesperajn kursojn, popularsciencajn prelegojn kaj studrondojn. La aŭskultantantoj de prelegoj estas parte maturiĝantaj junuloj, sed ĉefe plenaĝaj laboristoj, metiistoj, oficistoj kaj aliaj civitanoj. La programon por ĉiu studjaro la popola altlernejo konsistigas aparte ĉuiaŭtune; en la konsistigo de l' programo oni rigardas ankaŭ la interesojn kaj dezirojn de l' publiko

**Aliaj faktoroj en la estona libervola popolkerigo.**

Krom la jam priskribita agado oni devas noti la aranĝon de praktikaj kursoj por kamparanoj, mastrinoj, metiistoj ktp. Tiuj ĉi estas organizitaj pere de Agrarĉambro, Hejmmastrumadĉambro kaj Metiista-ĉambro. La aranĝo de praktikaj kursoj estas organizita tre sisteme kaj grandskale.

Specialan superrigardon bezonus ankaŭ la agado de virinaj societoj, unuiĝintaj en la Virina Ligo, agado de junularaj societoj, abstinenca movado, radio kaj sporto. Sed mi penis unue kaj ĉepe priskribi la plej gravajn faktorojn de estona liberv. popolklerigo.

---

# Estonaj popola muziko kaj kantfestoj.

Ĉiuj nacioj de la mondo ŝatas la muzikon!

La prapatroj de estonoj kredis, ke la muziko estas donita al la homoj de kantodio Vanemuine mem, kiu por tio venis sur la teron.

Pri tio jen la popola rakonto:

Homoj kaj bestoj havis iam la saman lingvon.

Sed tia lingvo ekzistis nur por la ĉiutaga uzado kaj por la bezonoj de la vivo. Foje oni kunvokis ĉiujn bestojn al ĝenerala kunveno por ke ili ellernu la festlingvon, t.e. la kantadon, por ĝojigj sin mem kaj laŭdadi la diojn.

Ĉiuj, kiuj havis vivon kaj animon, kunvenis sur la Taara Monto*), kie kreskis la sankta kverkaro. En la aero aŭdiĝis la kordegeliga mistera bruo kaj Vanemuine, la dio de l' kantado, venis sur la teron. Li glatigis siajn buklajn harojn kaj barbon, ordigis siajn vestojn, purigis per tuseto sian voĉon kaj tiam komencis la ludon. Unue li faris antaŭludon kaj poste li kantis laŭdkanton, kiu penetris en animojn de ĉiuj aŭskultantoj kaj emociis ilin, sed plej multe kortuŝiĝis li mem.

*) Taara estis ĉefa dio de la antikvaj estonoj. Taara Monto estas monteto apud Emajõgi, t.e. Patrina rivero en Estonujo. Praestonoj havis tie sanktan kverkarbaron kun oferadejo.

Silento regis en la kunveno kaj ĉiuj aŭskultis atente la kantadon. Emajôgi haltigis sian fluon, vento forgesis sian rapidadon, arbaro, bestoj kaj birdoj aŭskultis atente kaj eĉ Kurbokululo, la arbarkoboldo rigardis tra la arboj.

Sed ne ĉiuj komprenis ĉion, kion ili aŭdis.

La arboj de la kverkaro rememoris la zumadon de la malsupreniro de l' dio kaj kiam vi promenas en kverkaro kaj aŭdas tiun sanktan bruon, sciu ke dieco estas ĉe vi. Emajôgi rememoris la vestsusuron de la dio kaj ĉiam, kiam ĝi ĝojas printempe pri sia juneco, ĝi imitas la brueton tiam aŭditan. La vento atentis la plej muĝajn sonojn. Kelkaj bestoj ŝatis la kantvoĉon, sed aliaj preferis la kordsonojn. La kantbirdoj ne forgesis la antaŭludon, precipe la najtingalo kaj la alaŭdo. La plej mizera afero okazis al la fiŝoj : ili elakvigis siajn kapojn ĝis la okuloj, sed forgesis la orelojn eligi el la akvo ; ili vidis nur la movon de la buŝo kaj imitis tiun, sed ili restis mutaj.

Nur la homo komprenis ĉion, tial penetras lia kantado en la profundojn de la animo kaj supreniras al la loĝejoj de l' dioj.

La maljunulo kantis pri la grandiozeco de l' ĉielo kaj beleco de l' tero, pri la bordornamaĵoj de Emajôgi kaj pri iliaj antikvaj ĉarmoj, pri la feliĉo kaj malfeliĉo de l' homaro kaj la kantoj kortuŝis lin tiel, ke el liaj okuloj fluis tiom da larmoj, ke ili penetris tra la ses surtutoj kaj sep ĉemizoj.

Kaj tiam li flugis en la loĝejon de la Maljuna Patro por ludi kaj kanti al li.

Al la oreloj de l' sanktuloj estas kelkfoje donata la feliĉo : aŭdi de malproksime kaj alte la sonojn de lia laŭdkanto.

Por ke la homoj ne forgesu tute lian kantadon, li sendas de tempo al tempo, eĉ nun, siajn servistojn malsupren sur la teron.

Ankaŭ li mem revenos, kiam la feliĉo regos denove sur la tero.

La popola muziko, kiel komuna kreaĵo de la popolanimo estas ĉiam intime ligita al la ĝenerala kultura kaj socia vivo de la nacio. La popolkantoj kantas ĝenerale pri la ĉiutaga vivo, laboro, festoj, okazaĵoj k.t.p. Unu el la ĉefaj trajtoj de la estona popolkanto estas, ke ĝi tre multe kantas pri sklaveco, pri peza sorto de l' homo kaj estas plena de ploro kaj larmoj.

La melodioj de la kantoj sonas preskaŭ ĉiam laŭ la mola gamo kaj tre ofte la muzikaj periodoj finiĝas sur la sepa ŝtupo de la gamo, kio estas stranga originalaĵo de la estona popolkanta melodio.

En la komenco de la XIX-a jarcento, kiam tra tuta Eŭropo trafluis nova liberema sento, ankaŭ la estonoj estis liberigitaj kaj estis limigitaj la privilegioj de la regantaj fremduloj. Ekkomenciĝis grandega fruktodona laboro en ĉiuj vivbranĉoj. Tiu tempo estis la renaskiĝtempo de la estona popolo.

Al la nacia spirita vivo donis grandan antaŭenpuŝon la tutpopolaj kantfestoj, kiujn oni ekkomencis nun aranĝi.

La unua estona tutpopola kantfesto estis aranĝita en universitata urbo Tartu en la jaro 1869. Tiun kantfeston partoprenis nur virĥoroj. Kantis kune 800 kantistoj el 46 virĥoroj ; partoprenis ĝin 4 orkestroj. Tiu kantfesto havis grandan signifon el nacia-politika vidpunkto, ĉar ĝi treege antaŭenpuŝis tiam la socian movadon de la nacio.

La X-a jubilea kantfesto estis aranĝita en la jaro 1933. Partoprenis 563 kantĥoroj kun pli ol 20000 geagantoj.

Dum tiu-ĉi 1938 jaro oni festas la XI-an kantfeston. La datoj estas difinitaj je la 23 kaj 24 de junio. La aranĝanto estas Estona

Kantista Ligo (Eesti Lauljate Lüt). En la ligon estas organiziĝintaj ĉiuj kanthoroj kaj blovorkestroj de la lando.

La XI-an kantfeston partoprenos pli ol 20000 gekantistoj kaj muzikistoj. Ĉiuj najbaraj statoj kaj multaj pli malproksimaj nacioj sendas siajn plej bonajn kanthorojn por partopreni la kantfeston kaj reprezenti sian popalon kaj kanton.

Kunvenos ankaŭ multaj gastoj. Estas sciate, ke al la kantfesto veturos eĉ el N.-Ameriko gastoj per apartaj ŝipoj.

Por ordigi la muzikan flankon la ĉefdirigentoj de la kantfesto (prof. Juhan Aavik, muzikartistoj Tuudur Vettik, Juhan Simm. Evald Aav, Raimund Kull) traveturas la landon kaj aranĝas surloke antaŭprovojn. Kaj poste dum kantfesto, kiam kunvenos ĉiuj kanthoroj. pluraj miloj da homoj povas facile kaj celkonscie kanti laŭ direktado de unu homo.

Gesamideanoj instruistoj kaj aliaj legantoj, partoprenu ankaŭ vi la kantfeston! Se vi ne povas veturi, aŭskultu ĝin per radio. Se en via lando oni ne aranĝas tiajn kantfestojn, estu vi la iniciatanto.

Se la politikistoj kaj partianoj konstruas la murojn inter la popoloj kaj semas koleron kaj krimon, do edukistoj kaj esperantistoj disrompu la murojn per reciproka estimo kaj amo.

Ni kantu el plena koro, ke ĉiuj nacioj aŭskultu unu la alian.

A. PUNG.
(Muzikpedagogo).

(Represo petata).

---

# Profesia organizo de estona instruistaro.

V. HORM. Sekretario de Estona Geinstruista Asocio.
Tradukis: Ain Vahuri.

La 24-an de februaro 1938-a Estona Respubliko festis sian 20. datrevenon. La estona lernejo estas tamen pli aĝa, ekzemple dum la kuranta lernejjaro pluraj kamparaj elementaj lernejoj festis sian 200 jaran jubileon.

La unuajn aspirojn je unuiĝo de estonaj instruistoj ni renkontas en la mezo de la pasinta jarcento. Sed, en la fino de la jarcento, en Estonio reganta rusiga premo estigis fortajn malhelpojn por la organizado. Estis permesate fondi nur unuopajn porinstruistajn helpsocietojn. La profesia organiziĝo de la instruistaro okazis tutlande en la jaro 1917. (Dum la revolucio).

Nome la 27-au de majo 1917-a oni fondis nune la plej grandan kaj aĝan centran organizaĵon de estonaj geinstruistoj — Estona Geinstruista Asocio (Eesti Opetajate Liit). Do ĝi estas iom pli aĝa ol Estona Respubliko.

La fondiĝo de E.G.A. okazis dum la tempospaco, kiam nia lernejo

kaj instruistaro estis plene ruinigitaj. La fundamentoj de lernejo estis frakasitaj de la milito. Sur tiaj ruinoj eklaboris E.G.A. manmane kun Estona Klerministerio.

Sed antaŭ ol ebliĝis la komenco de la interna rekonstrulaboro, oni devis travivi malfacilan kaj heroan Liberecmiliton (1918—1920). Ĝin ankaŭ partoprenis instruistoj per propra Instruista Bataljono, gvidata de direktoro A. Veidermaa.

En agado de E.G.A. reeĥas ĉiuj naskiĝdoloroj, zorgoj kaj ĝojoj, venkoj kaj malvenkoj de la estona lernejo. E.G.A. neniam estis nur profesia organizo en ĝia ordinara senco. La tutan tempon la asocio havis principon: ne povas ekzisti laŭtempa lernejo sen instruistaro bone antaŭpreparita kaj ĉiam evoluanta en sia profesio. Pro tio ankaŭ E.G.A. dum sia ekzistado ĉiam aktive kunlaboris je solvado de la kler-kaj lernejpolitikaj problemoj, je perfektigado de la instruistaro kaj prosperigo de lernejreforma laboro. Ĝi direktadas abstinencan eduklabaron, liveradas pedagogian kaj porjunularan literaturon, ktp. Dum dudek jaroj jam E.G.A. eldonas pedagogian revuon „Edukado". Oni eldonis multajn pedagogiajn-metodikajn kaj junularajn verkojn kaj junularan ĵurnalon „Juneclando" (Noorusmaa). Dum la 20 jaroj oni aranĝis por la instruistaro pli ol 30 kursojn kaj 40 fakajn kongresojn, pedagogiajn tagojn kaj ekspoziciojn, 2 lernejkongresojn de Estonio-Finnlando ktp. La plej granda kunveno de estona instruistaro estis Semajno de Lernejreformoj (Kooliunendusnädal) kun ekspozicio (1930), kiu havis pli ol 2000 partoprenantojn. Lernejreforman laboron gvidas la scienca sekretario de la asocio, J. Käis. Lernejreforma laboro aspiras je kreado de la estona lernejo, kiu estus moderna kaj same originala.

Pere de 142 geinstruistaj unuiĝoj kaj distriktaj asocioj apartenas nuntempe al E.G.A. pli ol 3500 geinstruistoj. Kiel prezidanto de la asocio funkcias dum 12 jaroj, Enn Murdmaa. La estraro de la asocio havas 22 anojn, el kiuj estas formita 6-ana sekretariaro. La adreso de la oficejo de E.G.A. estas: Tallinn, Pühavaimu 11. Eesti. E.G.A. havas ankaŭ fortikajn interrilatojn kun eksterlando. Ekzemple ĝi estas ano de Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj (F.I.A.I.) en Parizo. Krom tio E.G.A. havas amikeckontrakton kun Finna Popolinstruista Asocio. Ĝi aktive kunlaboris ankaŭ kun la instruistaroj de Latvio kaj Litovio.

Ĝis la jaro 1933 estis E.G.A. la nura geinstruista centra asocio de Estonio, laboranta sur la bazo de libervola profesiorganizaĵo kaj al ĝi aliĝis geinstruistoj de ĉiuj lernejtipoj. En la jaro 1933 disiĝis de E.G.A. parto de mezlernejaj instruistoj, fondante propran centran organizaĵon „Ekesko". Pli poste ankaŭ ricevis propran centran organizaĵon profesilernejaj instruistoj. Sed, dume la instruistaro havas multajn komunajn demandojn por solvi. En 1936 per koncerna registara ordono ĉiuj instruistaj profesiorganizaĵoj estis kunigataj sub la Instruista Ĉambro (Opetajate Koda).

Instruista Ĉambro estas korporativa institucio kaj funkcias sur publik-rajta bazo. Ĝi konsistas el 45 anoj, elektitaj de instruistaj centraj organizaĵoj, (15popolinstruistoj, 15 mezlernejaj kaj 15 profesilernejaj instruistoj). Al la kompentenco de I. Ĉ. plejparte apartenas konatiĝo de leĝprojektoj kaj farado de proponoj rilatantaj lernejon kaj instruistaron. La fondiĝo de I.Ĉ. ne malgravigis la laboron de libervolaj organizaĵoj de instruistoj, ankaŭ ne malgrandiĝis ilia anaro, ĉar la ĉambro servas kvazaŭ kiel tegmento por ĉiuj organizaĵoj.

Parte estas agantoj de E.G.A., kiuj organizis multajn porinstruistajn ekonomiajn entreprenojn. Interalie ekzistas ankaŭ propra eldonejo kaj centra magazeno de porlernejaj varoj „Töökool", Instruista Koopera Banko, pluraj instruistaj kooperativoj en Tartu, Viljandi, Pärnu k.a.

En la jaro 1930. la agantoj de E.G.A. ekeldonis la organon de la estona instruistaro „Opetajate Leht" (Instruista Gazeto). Ĉe E.G.A. funkcias ankaŭ helpkapitalo por geinstruistoj, kiuj ĝin bezonas.

## ĈEFAJ INSTRUISTAJ ORGANIZAĴOJ DE ESTONIO.

1. Instruista Ĉambro (Opetajate Koda) Tatari 21a *Tallinn.*
2. Estona geinstruista Asocio (Eesti Opetajate Lüt) Pühavaimu 11. *Tallinn.*
3. Unuiĝo de Mezlernejaj Instruistoj (Eesti Keskkooliôpetajate Kogu) Sakala 51. *Tallinn.*
4. Societo de Profesilernejaj Instruistoj (Eesti Kutsekooliôpetajate Ühing) Tööstuskool, Joaorg, *Narva.*
5. Societo de Kompletiglernejaj Instruistoj (Täienduskooli Opetajate Ühing) Kuperjanovi 38a, *Tartu.*
6. Societo de Instruistoj je Agrikulturaj Lernejoj (Pôllumajanduskoolide Opetajate Ühing) Väimela pôllutöökool, *Vôru.*
7. Societo do Est. Infanĝardenistoj (E. Lasteaednike Selts) Soo 15, *Tallinn.*
8. Societo de Est. Lernejinspektoroj (E. Koolide Inspektorite Ühing) Vene 23, *Tallinn.*
9. Societo de Lernejaj Kuracistoj (E. Kooliarstide Ühing) Tina 17—7, *Tallinn.*

## PEDAGOGIAJ MUZEOJ KAJ BIBLIOTEKO.

1. Urba Pedagogia Muzeo kaj Biblioteko de Tallinn (Tallinna linna Pedagoogiline Muuseum ja Raamatukogu) Sakala 51, *Tallinn.*
2. Urba Pedag. Muzeo kaj Biblioteko de Tartu (Tartu linna Pedag. Muuseum ja Raamatukogu) Kompanii 5, *Tartu.*
3. Biblioteko de Tallinna Pedagogejo (Tallinna Pedagoogiumi raamatukogu) Vene 31, *Tallinn.*

---

# Norda naturo.

Kiel pinet', baraktanta en marĉo senfunda,
Kiun enue ornamas nur musko abunda,
Estas la norda naturo obstine persista.
Melankolie rezigna, sed ne pesimista, —
Ĉar en la marĉo lagetoj ja sin respegulas
Ankaŭ kelkiam la gaja ĉielo lazura,
Super la kriplaj pinetoj brilegas kaj brulas
Dum noktohoroj stelaroj en alt' senmezura, —
Kaj dum aŭtun' la eriko abunde ekfloras,
Violkoloras kaj dolĉe, miele odoras,
Dum postrigardas la marĉo senspire, sopire
La forflugantajn gruarojn, voĉantajn forire.

(HILDA DRESEN.)

# Paduso.

Paduso, reĝino de l' nordo
Kun blanka floraro,
Unua printempa heroldo,
Ornam' de l' kamparo.

En ĉiu ĝardeno vi floras,
Ĉe ĉiu dometo,
Agrable kaj dolĉe odoras
En nokta kvieto.

Kaj kvazaŭ neĝeroj, hezite,
Petal' post petalo,
Ŝutiĝas florar' via glite
Dum sia disfalo.

(HILDA DRESEN.)

## La laborkomitato sciigas:

1. Pro kuracista konsilo nia altestimata prezidanto Bj. Beckman eksiĝis.

Nia laborkomitato forte bedaŭras ke li ne plu povas resti prezidanto, sed ĝi komprenas ke ĝi devas klini la kapon antaŭ la por li tiel malbonaj cirkonstancoj, kiuj devigas lin eksiĝi. Ni tutkore esperas ke li baldaŭ tute estos resaniĝinta kaj ke li tiam denove povos preni sur lin iun taskon por nia asocio.

Ni plej kore dankas lin pro ĉio, kion li faris kiel prezidanto. Sed ni ŝatas aldoni al tio niajn personajn dankojn por la agrabla kaj amika maniero, per kiu li ĉiam rilatis kun ni en plej bona harmonio. Ni ŝatis lin kiel prezidanton kaj kiel homon.

Ni ĉiuj esperas post nelonga tempo denove renkonti lin inter la aktiva kunbatalantaro de T.A.G.E.

2. Per ĉi tiu numero ni havigas al niaj anoj, estonan numeron, post la pola kaj sveda, la trian en la serio de specialaj numeroj. Ni planas aliajn, se niaj anoj ŝatas tion.

3. En ĉi tiu speciala numero ne restis loko por „T.A.G.E.-tribuno" kaj „recenzejo".

4. Atentu *la kursojn en Helsingör* (Danujo): 16—24 de julio; 15—25 de aŭgusto. Informojn ĉe L. FRIIS, Thyrasvej 15, AABYHöJ, (Danujo).

Karavano el Nederlando sub gvidado de C. JABOBS, P. de Hooghstraat 24, HEEMSTEDE, (Nederl.)

Sro. R. Tj. Schiphof, Wier 49, Friesland Nederlando.
Sro. A. Hop, Tuinstr. No. 47, Apeldoorn. Nederlando.
Sro. Matthijs Breel, Koudekerksche weg B 282, Koudekerk, Nederl.
Sro. J. M. Toorneman, Diepenveenscheweg 169, Deventer Nederl.
Fino. M. L. Dekker, Burg. v. d. Voort v. Zijpl. 28,
Utrecht, Nederlando.
Fino. Maria Bláhová, Velká Biteŝ 113, Ĉeĥoslovakujo.
Sro. Vilém Kolár, Doubrava Ĉeĥoslovakujo.
Fino. Mariá Churá, Tlumaĉov okris Zlín, Ĉeĥoslovakujo.
Sro. Michal Kucin, Koŝice, Bacsányiho ul. 19 Ĉeĥoslovakujo.
Sro. Vojteĥ Orbán, Bystriĉany, okr. Prievidza, Ĉeĥoslovakujo.
Fino. Marg. Verraedt, Bergstr. 47, Heist-op-den-Berg, Belgujo.
Sro. Kalmár Dezsö, Kolocsa. Tomovi 69, Hungarujo.
Sro. Aleksander Juchniewicz, ulicá Krzywa 25, Wilna. Polujo.
Sro. J. Gr. Bendtsen, Stoholm, Danujo.
Sro. Julius Persson, Fack 7, Skeppshult, Svedujo.
Sro. Christian Agren, Kvarnbysund, Svedujo.
Sro. L. Hamberg, Överborg (V.Dal) Näs. Svedujo.
Sro. Abel Klarström, Norra Ljungby, Karlstad, Svedujo.
Sro. R. A. Tippetts, 36 Wessex Avenue, Bristol 7, Anglujo.
Sro. William Nowcll, 194 Farebrother Sr., Grimsby, Anglujo.
Sro. Stefan Simeon. Fabriko „Carevec", Tirnova, Bulgarujo.
Sro. Jan Audroncff, Zadrugg 4, Varuobot, Bulgarujo.
Fino. Danka Germanova, Gorna-Orehovica, Bulgarujo.
Fino. Maria Zlatanova, Bela-Slatina, Bulgarujo.

**Gelernantoj.**

Sro. Atanas B. Ĉolakov, Benkovski 31, Razgrad, Bulgarujo.
J. Salmon. Rue de l' hotel de Ville, St. Jean d' Angély,
Charente Infre, Francujo.
A. Defois, (16 jara) Rue Rachevalle, St. Jean d' Angély,
Charente Infre, Francujo.
R. Mainguet (16 jara) Rue de Château, St. Jean d' Angély,
Charente Infre, Francujo.
A. Poulteau, (20 jara) Rue du Manoir, St. Jean d' Angély,
Charente Infre, Francujo.
Gastono Tollenaere, Visschersstr. 17, Gent, Belgujo.
G. Bŭda (18 jara), Salantai, Litovujo.
Fino. Steenwijk (18 jara), 't Waar (Gr.) Nederlando.
Sro. Jan Koning, Nw. Scheemda (Gr.) „
Sro. Derk Jager, Nw. Scheemda (Gr.) „

Gekolegoj, kiuj interesiĝas pri nuna situacio en Ĉinujo, turnu sin al:

Junnana Esperanto-Asocio.
Min-Chung-Chiao. Yu. Kuan.
Kunming (Ĉinujo).